II jaro Sofia — Bulgario Januaro-Februaro 1959 N-ro 1-2

# INTERNACIA ★ ĴURNALISTO

ORGANO DE LA TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEJA)

## *RECIPROKA APREZADO DE LA OKCIDENTA KAJ ORIENTA KULTURAJ VALOROJ KAJ LA ROLO DE LA TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO*

*Kiel sciate, la Ĝenerala Konferenco de UNESKO, okazinta en New Delhi proksimume antaŭ du jaroj, akceptis gravan Rezolucion, per kiu, emfazante la neceson de paca kunlaborado inter la popoloj, montris, ke ĝi povas efektiviĝi nur sur la fundamentoj de plena scio kaj reciproka aprezado de la kulturaj valoroj. La konferenco, emfazante ankaŭ, ke en la nunaj kondiĉoj unuavice gravan signifon havas nome la reciproka aprezado de la Orienta kaj Okcidenta kulturaj valoroj, akceptis grandan projekton de UNESKO sub la titolo „Reciproka*

## ESTRARO DE TEJA



Sekretario-kasisto
D-ro Dino Fabris
(Italio)



Prezidanto
Olav Thormodsen
(Norvegio)



Redaktoro
Ivan Keremidĉiev-Esperov
(Bulgario)

*aprezado de la Orienta kaj Okcidenta kulturaj valoroj", realigota dum 10 jaroj kaj celanta intensigi diversmaniere kaj laŭ pluraj vojoj la reciprokan interkonatiĝon kaj interŝanĝon de la kreitaj kulturaj valoroj kaj akiraĵoj.*

*Tiu grava kultura kaj paciga problemo estis serioze pritraktita ankaŭ en la laboro de la Unua Sekcio de la 43-a Universala Kongreso de Esperanto en Mainz 1958 j. La raportinto Prof. D-ro Ivo Lapenna, ĝenerala sekretario de UEA, prezentis la signifon de la granda projekto de UNESKO kaj sciigis, ke UEA, kiel organizaĵo en konsultaj rilatoj kun UNESKO, promesis sian kunlaboradon por la realigo de la projekto, ĉar ĝiaj celoj esence respondas al la celoj de la Esperanto-movado.*

*Post la pridiskutado la Unua Sekcio akceptis unuanime la prezentitan de la raportinto rezolucion, per kiu oni decidis doni plenan apogon al UNESKO en la realigo de la projekto, kies celo estas reciproke diskonigi kaj aprezadi la kulturajn valorojn de Oriento kaj Okcidento kaj tiel kontribui al pli bona kompreniĝo inter la popoloj kaj al la monda paco, uzante la internacian lingvon ĉu rekte, ĉu kiel ponto-lingvo. La sekcio rekomendis al la Komitato de UEA starigi komisionon por plani kaj gvidi okjaran programon pri la interŝanĝo de kulturaj valoroj inter la Okcidento kaj la Oriento, kiu komisiono prezentu sian planon al UNESKO kaj petu subvencion por realigo de la plano. La Komitato de UEA aprobis la rezolucion kaj elektis la membrojn de la proponita komisiono.*

*Reciproka aprezado de la Orienta kaj Okcidenta kulturaj valoroj — jen homama kaj nobla tasko ankaŭ por la membroj de nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, ĉar tiu granda programo de UNESKO estas plene konforma ankaŭ al la celoj de TEĴA. Ĉu kiel kunlaboranta asocio de UEA, ĉu kiel favore interrilatanta organizaĵo kun la Ĵurnalista-Fako ĉe UNESKO, ĉu kiel rekte memstara organizaĵo, TEĴA povas kaj devas mobilizi la fortojn de ĉiuj siaj membroj kaj simpatiantoj por plena realigo de la UNESKO-programo.*

*Utiligante siajn vastajn eblecojn kiel esperantistoj kaj kiel ĵurnalistoj, niaj TEĴA-anoj devas kontribui al la reciproka aprezado de la Orienta kaj Okcidenta kulturaj valoroj per la Internacia Lingvo Esperanto, per siaj fortaj reciprokaj ligoj.*

*Kion ni devas fari tiurilate? Unue, la okcidentaj kaj la orientaj membroj kaj amikoj de TEĴA devas interkontaktiĝi kaj plifirmigi siajn ligojn por konstanta serioza laboro. Ili — laŭplane kaj laŭbezone — povas interŝanĝi diversajn gazetmaterialojn, gazetojn, ĵurnalojn, librojn presitajn en naciaj lingvoj kaj en Esperanto, traduki kaj aperigi la materialojn en sia nacia lingvo, konigi al sia popolo kaj al aliaj nacioj la ricevitajn faktojn pri la kulturaj valoroj de la koncerna — okcidenta aŭ orienta — lando. Uzante Esperanton kiel ponto-lingvon, oni povas multflanke kaj diversmaniere kontribui al la reciproka aprezado de la Okcidenta kaj Orienta kulturaj valoroj. En tiu nobla afero tre bone povas helpi al niaj okcidentaj kaj orientaj kolegoj ankaŭ la Interŝanĝa Servo ĉe TEĴA. Gravan rolon ludos en tiu direkto ankaŭ la ĵurnalistoj en radio- kaj televidcentroj. Tre rezultodonaj estos ankaŭ la organizado de eksterlandaj ekskursoj, la reciprokaj gastigadoj inter okcidentanoj kaj orientanoj, la okazigo de kulturaj spektakloj kaj prelegoj ktp. Modelan agadon montras niaj ĉeĥoslovakaj s-anoj: en Praha oni organizis la 29-an de okt. j.p. vesperon de ĉina kaj japana poezioj. Kiel tradukanto partoprenis nia TEĴA-reprezentanto Jojko Staněk. La Esperanto-klubo en Praha preparas pluajn similajn vesperojn de poeziaĵoj hindaj, ciganaj, nigrulaj ktp. Tiamaniere intence ĝi kontribuas al la realigo de la programo de UNESKO. La klubo okazigis la 10-ende decembro ankaŭ hindan vezperon.*

*Neelĉerpeblaj estas la ĵurnalismaj metodoj kaj formoj kaj ni devas lerte utiligi ilin por kontribui al la realigo de la UNESKO-programo dum la sekvantaj ok jaroj. TEĴA povas ludi tre gravan rolon tiurilate.*

*Kompreneble, la partopreno de nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio*

*paralele kun UNESKO, UEA kaj aliaj enlandaj kaj internaciaj organizaĵoj esperantistaj kaj neesperantistaj por la reciproka aprezado de Orientaj kaj Orkcidentaj kulturoj plifirmigos ĉe UNESKO kaj ĉe aliaj internaciaj organizaĵoj ne nur la poziciojn de UEA, sed ankaŭ de TEĴA kaj ĝenerale de nia Esperanto-movado.*

*Ju pli ni — la TEĴA-anoj — kontribuos por la realigo de la UNESKO-programo, por la paca interpopola kunlaborado, des pli altvalora estos pritaksita nia TEĴA.*

*Al aktiva peresperanta ĵurnalista laboro por reciproka aprezado de la Okcidenta kaj Orienta kulturaj valoroj!*

## DEKSEP ARTEFARITAJ LINGVOJ — REZULTO DE SKIZOFRENIO

Estas homoj, kiuj emas ofte eviti la banalaĵojn de la ĉiutaga vivo kaj serĉas la eksterordinarecon, kies esenco estas ĉiam pli aŭ malpli iu formo de revado. Se ĉe iu homo aperas plialtigita intenseco de simila fuĝado al la nerealo, oni povas jam suspekti nenormalan psikan staton de tiu individuo. Senigitaj de normala pensmaniero, tiuj malsanuloj ofte kondutas kaj agas sub influo de iu monomanio, kaj tial ekde antikvaj tempoj oni prave kutimis paroli pri obsediteco (memkompreneble sen imago pri la ekzisto de diabloj, malbonaj spiritoj ktp.) Al la plej interesaj fenomenoj de tiuj mensaj malsaniĝoj apartenas ankaŭ la verkadon de novaj abocoj aŭ skribmanieroj t. n. neografio, kaj de novaj lingvoj t. n. neofasio.

En la faka literaturo ne maloftas ekzemploj, kiam homoj mense malsanaj kreadis neologismojn, similajn al vortoj de nekonata lingvo, sed estas registritaj nur ses okazoj, ĉe kiuj fakte oni elpensis novajn lingvojn kaj novajn skribojn por ili. Ĝis nun estis konata nur unu persono, kiu sola kreis tri lingvojn.

La ĉeĥoslovaka universitata profesoro Jaroslaf Stuĥlik konas malsanulon, cetere altege kleran, kiu memstare elpensis DEKSEP artefaritajn lingvojn kun koncernaj abocoj. Iuj inter ili posedas po kelkaj miloj da vortoj, aliaj estas malpli riĉaj je vortprovizo.

En ĉiuj tiuj lingvoj la „aŭtoro" kreis romanojn, vojaĝrakontojn kaj verkojn de scienca karaktero (ekzemple teknika ktp.), ankaŭ ĉiuj abocoj estas detale prilaboritaj. La „liĥera" skribo, iomete esceptmaniera, estas silaba kaj brodata per koloraj silkfadenoj aŭ kunmetata de koloraj ĉifonetoj. Ekzistas jam ne nur vortaroj, sed ankaŭ gramatikoj kaj sintaksoj, tamen la lingvoj ne estas destinitaj por komuna uzado, sed nur por „elektitoj", kaj la malsanulo kreis ilin pro iu interna stimulo al kreado.

Ĉiuj tiuj lingvoj kaj abocoj estas, malgraŭ ilia komplikeco, entute logikaj kaj la specialistoj, kiuj trastudis ilin, konfirmis, ke vortoj kaj frazoj havas ĉiam la saman ĝustan signifon kaj enhavon. La nomoj de la lingvoj sonas same strange kiel la ideo, sub kies influo la „eltrovinto" verkis ilin, ekzemple: ishi, stehut, kimbel ktp.

Sian emon kaj agadon la malsanulo klarigas jenmaniere: li kredas je la reenkarniĝo kaj asertas, ke li scias pri siaj antaŭaj ekzistoj. Foje li vivis sur planedo Thetis aŭ Astron, unu astroido de la suna sistemo. Tie, laŭ lia aserto, vivas multaj nacioj, kies sidejojn, kulturan vivon, historion kaj precipe lingvojn li ellernis kaj nun priskribas.

La malsanulo scipovas la ĉefajn eŭropajn lingvojn, krom tio la japanan kaj almenaŭ supraĵe kelkajn aliajn orientajn lingvojn. La menciitaj deksep lingvoj kun abocoj reprezentas nur malgrandan parteton de la plurfaka kaj multspeca aktiveco de tiu ĉi psikologie unika fenomena individuo.

D-ro Jaroslav Stuĥlik promesas ankoraŭ pli detalan pristudon. Ni ne forgesos ĝustatempe reveni al ĉi tiu temo, kiu ekscitis la intereson de la sciencista publiko.

KATA KANO

EL LA TUTA MONDO

## NEDERLANDA MINISTRO DE LA INSTRUADO INAŬGURIS LA DOMON DE LA GAZETARO DE UNESKO

Sinjoro J. M. L. T. Kals, nederlanda ministro de la instruado, prezentis antaŭ ne longe al s-ro M. Luters H. Evans, ĝenerala direktoro de UNESKO, la domon de la gazetaro, kiun la nederlanda registaro donacis al la nova sidejo de la organizaĵo.

Projektita de la arkitekto M. J. Ritveld el Utrecht, la domo de la gazetaro prezentas samtempe tiel oportunan ripozlokon, kiel ankaŭ laborejon, disponigantan al la ĵurnalistoj tablojn, telefonon, eblecon pri la plej rapida dokumentado kaj angulon por ripozo.

Por la ornamado s-ro Ritveld estis inspirita de la multnombraj eblecoj, proponataj de la linoleŭmo. La uzado de la sama materialo por kovro de ĉiuj surfacoj, tabloj kaj planko donas monolitecon de la tuto, dominita de unu ludo de la koloroj, kiuj konturas egalajn triangulojn konforme al la atenta lokigo de la mebloj.

La domo estas dividita inter kvar sektoroj: la unua estas provizita per oportunaj sidlokoj kaj per kovrita tablo, ornamita per geografia karto travideble lumigita, la dua estas redaktora ĉambro, provizita per ses skribotabloj, en la tria estas lokita granda tablo, difinita por gazetaraj konferencoj kaj la kvara estas en la mezo apud la redaktora ĉambro, kie estas aro da skribotabloj por la gazetaraj ataŝeoj. (UNESKO).

## PREMIO PRI LA MERITPLENA KONTRIBUO EN SERVO DE LA EŬROPA CIVILIZACIO

Ek de 1959 oni disdonos ĉiujare laŭ rekomendo de unu aŭ de pliaj eŭropaj universitatoj unu premion de 100000 danaj kronoj, nomitan „Premio de Sonning“. Laŭ la fondstatuto de la fonduso Sonning, kreita de la verkisto kaj publicisto Sonning, tiu ĉi premio estas difinita por rekompenci viron (aŭ virinon) agnoskitan, ke li donis meritplenan kontribuon al la eŭropa civilizacio.

Tiu ĉi premio estas aljuĝota ĉiujare de unu komitato ĉe la Universitato en Kopenhago, kaj oni transdonos ĝin al la premiito en la naskiĝtago de la donacinto la 19-an de aprilo. (UNESKO).

## SVEDA ĴURNALO FESTAS SIAN DUCENTJARAN DATREVENON

Unu el la plej malnovaj ĵurnaloj en la mondo „Norrköping Tidninger“ festis sian ducentjaran datrevenon. Pro ĉi tiu okazo estis organizita ekspozicio en la urba muzeo. La ĵurnalo, kies nomo ne estas ŝanĝita ek de la komenco de ĝia apero ĝis nun, estas la plej grava presorgano en urbo Norrköping kaj ĝia regiono (cent kilometrojn sude de Stockholm). (UNESKO)

---

## FONDUSO „INTERNACIA ĴURNALISTO“

Subtenas nian organon ankaŭ la jenaj kolegoj en Erevan, Sovetunio, al kiuj ni sincere dankas:

Gevorkjan Gevork . . . . 10 rubloj
Martirosjan Sison . . . . 10 rubloj
Mkrtĉjan Simon . . . . . 20 rubloj

La redakcio invitas ĉiujn membrojn de TEĴA, imitante la bonegan ekzemplon de la erevanaj kolegoj, senprokraste kontribui al la fonduso certan sumon laŭ siaj eblecoj

## ĈU NIA INTERŜANĜSERVO NE PREZENTAS INTERESON?

Unu el la gravaj taskoj de TEĴA post ĝia restarigo en 1956 estis, laŭ la opinio de l' estraro, organizi Interŝanĝservon. Ni organizis la aferon kaj skribis pri ĝi en „Internacia Ĵurnalisto“, sed ĝis nun venis nur malmultaj artikoloj kaj neniu, absolute neniu, anoncis sin por havigi al ni artikolojn.

Fiasko? Kial? Ĉu la Interŝanĝservo tute ne prezentas intereson por la membroj? Ĉu la temoj ne estas sufiĉe interesaj, aŭ ekzistas iu alia kaŭzo? Ni petas la membrojn skribi pri la afero, kaj intertempe ni denove alvokas ilin:

**Uzu la interŝanĝservon de TEĴA! Sendu multnombre artikolojn al la interŝanĝservo kaj skribu kaj postulu artikolojn!**

La reguloj por interŝanĝo estas:

La membroj de TEĴA verkas esperantlingve artikolojn pri temoj, kiuj povas prezenti intereson en multaj landoj. Se eble, oni sendu ankaŭ fotografaĵojn.

La verkisto devas tajpi la artikolon en 3—4 ekzempleroj kaj sendi ilin al G. N. Jepsen. TEĴA, Skovvangan 17, Danujo.

En „Internacia Ĵurnalisto“ ni publikigas la titolojn de la ricevitaj artikoloj kaj koncizan informon pri la enhavo.

La membroj de TEĴA laŭplaĉe povas postuli per letero al la supremenciita adreso ekzempleron de iu ajn artikolo. Por ĉiu artikolo oni devas pagi nur tri internaciajn respondkuponojn. Unu el la kuponoj estas por la afranko de la sendaĵo, kaj la ceteraj du estas por la bezonanta kaso de TEĴA. Se iu membro ne povas sendi respondkuponojn, li anstataŭe povas pagi al la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto“ aŭ al iu enlanda reprezentanto de TEĴA.

Estas nepre necese, ke la verkisto ĉiam penu skribi pri neŭtralaj temoj, kaj ne tro longe. Kompreneble, ankaŭ estas morala devo, ke la tradukisto ne ŝanĝu la esencon de la enhavo.

Dezirinde estas, ke ĉe ĉiu traduko kaj aperigo de iu ajn artikolo, oni nepre notu sub la artikolo nacilingve: „Tradukita el Esperanto“. Post la aperigo de la artikolo oni devas sendi 1—2 ekzemplerojn al la koncerna ĵurnalo, gazeto k. a. kaj al la Interŝanĝservo, Skovvangen 17, Danujo, aŭ al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto“.

Tiu servo estas por niaj membroj praktika laborilo, kaj al la publiko ĝi pruvas la utilon de Esperanto en la praktika laboro.

G. N. Jepsen

## RICEVITAJ ARTIKOLOJ EN LA INTERŜANĜSERVO

D-ro A. Mildwurf (Londono). Titolo: „Libereco kaj paco en la scienca epoko“. Aktuala artikolo pri la atoma energio. Amplekso de 150 linioj.

Andre Ribot (Francujo). Titolo: „Kio estas prienergia imposto?“ — En ĉiuj landoj estas konstatebla malkontento pro la impostoj kaj fiskaj aranĝoj. La artikolo rekomendas tute novan impostsistemon.

Todor Oŝanski (Bulgario). Titolo: „Pitoreskaj anguloj en Bulgarujo (la urbo Belogradĉik)“. Interesa artikolo pri belaspekta urbo kun legendo pri la mirindaj bestsimilaj rokoj (kun bildo de la rokoj).

G. Norgaard Jepsen (Danujo). Titolo: „La lando, kie la reĝo estas muzikdirektisto“. Artikolo pri la evoluado de la dana muziko. Amplekso 125 linioj.

A. A. Leenhard (Nederlando). Titolo: „Grenoj el la maro“. Interesa artikolo pri la granda laboro por sekigado de antaŭa maro. Amplekso 130 linioj.

Kata Kano (Ĉeĥoslovakio): „Rezulto de skizofrenio — deksep artefaritaj lingvoj.“ Stranga historio pri malsanulo, kiu memstare elpensis deksep artefaritajn lingvojn kun koncernaj abocoj.

Petu la artikolojn ĉe la gvidanto de nia Interŝanĝservo s-ano G. N. Jepsen, Skovvangen 17, Danujo.

# NIA KONGRESURBO — WARSZAWA



**Nokte Varsovio — la nova, restarigita ĉefurbo de Pollando, kun la belega Polaco de Kulturo kaj Scienco, en kiu okazos la Jubilea 44-a Universala kongreso de Esperanto (1—8 Aŭgusto 1959)**

## RICEVITAJ ESPERANTAĴOJ

**Teatro** — kvar komedioj de Machado de Assis, tradukitaj en Esperanton.

**Gramatica Sinoptica de Esperanto** — de Mario Ritter Nunes.

**Curso de Esperanto em 20 liçoes** — lernolibro por portugallingvanoj de A. C. Fernandes kaj H. Mota Mendes, 6-a eldono.

**Chave de Esperanto** (Ŝlosilo de Esperanto).

La kvar suprenotitaj libroj estas eldonitaj de la Brazila Esperanto-Ligo.

**Urbo Niteroi** — belaspekta ilustrita broŝuro pri la brazila urbo Niteroi — en lingvoj portugala kaj Esperanto, eldonita en Brazilo.

**Ravenna** — kolorilustrita bela 32-paĝa esperantlinga gvidlibro pri la fame konata historia itala urbo Ravenna. Eldono de Azienda autonoma di soggiorno e turismo — Ravenna.

**Seged** — faldfolia ilustrita prospekto pri la hungara ubro Seged.

**Cheval de Troie** — kvarkolora franclingva propaganda afiŝo, eldonita en Francio.

**Skizo pri Vietnamio** — historio, ŝtatordo, kulturo, ekonomio — 26-paĝa ilustrita broŝuro en Esperanto. Eldonis: Ŝtata fremdlingva eldon-servo, Hanoi, 1958.

# LA DOMO DE LA JURNALISTOJ EN MOSKVO INVITAS VIN

Bulvardo Suvorov, Nr. 9. Modesta trietaĝa dometo, ŝtala barilo, dekorantaj larĝkronaj arboj. Apude — placo, la kinejo „Arta", la monumento de Gogol. La dometo estas bone konata al ĉiuj ĵurnalistoj el ĉiuj mondpartoj, almenaŭ unufoje vizitintaj Moskvon.

La interno de la dometo estas komforta, kun eleganta meblaro, kaj en ĝi konstante bolas vivo.

Tie ĉi estas aranĝataj konferencoj de la ĵurnalistoj. Dum grandaj eventoj tie ĉi troviĝas la centro de la gazetaro; sonoradas telefonaj aparatoj, rapidege servas telegrafistoj, en ĉiuj anguloj tajpas urĝiĝantaj nelacigeblaj ĵurnalistoj. En ordinara tago tie ĉi oni povas renkonti amikojn, trafi aŭtoran vesperfeston, honore al iu majstro ĵurnalisto, aŭ prelegon pri iu proksima aŭ malproksima lando, kun filma ilustrado, gajajn rememorojn pri diversaj popoloj, pri iliaj moroj. Oni povas aŭdi amikajn kaj spritajn interparolojn, interesajn vojaĝimpresojn, aŭ viziti ekspozicion de fotoraportista arto, internacian muzikvesperon, balon, organizitan de iu gazeto. Oni povas partopreni seminarion de eseaj fakuloj, renkonti eminentan torniston, faman agronomon, masoniston, aŭ vidi elstarajn unuajn teatrajn prezentadojn.

Ĉu oni povas eĉ citi ĉion, kion elpensas ĉiumonate la inventema ĵurnalistaro, la estraro kaj la granda kolektivo de konstantaj reprezentantoj de ĉiuj gravaj moskvaj presorganoj — siaspeca instituto de perantoj, kiuj kreas intiman kunligon inter la Domo kaj ĉiuj ĵurnalistaj kolektivoj de la urbo.

En la Domo mankas nur sekcio de la esperantistoj-ĵurnalistoj. Tamen dum tiu tempo apartaj ĵurnalistoj-esperantistoj aktive kunlaboras, renkontiĝante en la restoracio aŭ en salonoj de la Domo. Ili venas tien ĉi regule, ĉiusemajne, por priparoli aktualaĵojn dum amika renkontiĝo. Kaj motivoj por tio estas ĉiam pli kaj pli multenombraj. Multaj centraj gazetoj presigas artikolojn pri Esperanto kaj pri la esperantistoj. Jen la centra teoria ĵurnalo de la Komunista Partio „Komunisto" skribas pri la utileco de Esperanto en sia n-ro 11 de 1958 j., jen la ĵurnalo „Kulturo kaj Vivo" en sia n-ro 7 de 1958 aperigas revuon, titolitan „Esperanto en USSR", jen la kultura revuo „Standardo", n-ro 7 de 1958, priskribas la amikecon inter la granda ĉina verkisto Lu Sin kaj la fama blinda Esperanto-verkisto, la ruso V. Eroŝenko. Estas interese ĉion ĉi pridiskuti, traduki, dissendi. Jen la gazeto „Vespera Moskvo" de la 11-a de septembro 1958 anoncis pri studado de Esperanto en la Leningrada Damo de l'Junaj Pioniroj. Ĉio estas represita el la gazeto „Leningrada Vero." Tamen oni bezonas vidi la originalan fonton. . .

Kaj ni esperas, ke helpate de diverslandaj esperantistoj-ĵurnalistoj, ni sukcesos krei bone fukciantan Sekcion de Esperantistoj, same sukcese funkciantan, kiel multaj aliaj sekcioj de la Domo. Estas tre dezirinde, ke ĵurnalistoj-esperantistoj, venantaj en Moskvon, nepre vizitu la Domon de la Ĵurnalistoj kaj trovu en ĝi siajn moskvajn kolegojn, por amika renkontiĝo. Krome, estus agrable ricevi leterojn, kun diversspecaj proponoj kaj interesaj materialoj, adresitajn al Sofia Fedorovna Ŝaraŝidze — la Direktorino de la Domo.

Ni esperas, ke la Domoj de la Ĵurnalistoj el diversaj urboj starigos pli intiman kontakton inter si.

**N. F. Danovskij,** Moskvo, USSR

## NOVAJ MEMBROJ DE TEJA

S. G. Bassin. Ĥerosinskaja 7, **Taŝkent**, Sovet-unio.

F-ino Karen Salmose, H. Stallgatan 1, **Ystad**, Svedio.

Stojĉo Savov, str. Zlati Georgiev 12, **Varna**, Bulgario.

### ETAJ SCIIGOJ

*La gazeto „De Bussumse Courant", aperanta en urbo Bussum, Nederlando, aperigis informon de Internacia Gazetara Servo de UEA, liverita per nia kolego Leenhard.

*En la redakcio de „Rabotniĉesko delo" (Sofia — Bulgario) estas malfermita Esperanto-kurso, gvidata de s-ano Kiraĝiev. La kurson partoprenas deko da ĵurnalistoj.

*En gazeto „Borba" (urbo Tirnovo, Bulgario) aperis sinsekve en ok daŭrigoj la verko de la japana profesoro Ogura Tojfumi „En Hiroŝima". La teruraĵojn pri la neniigita de atombombeksplodo japana urbo Hiroŝima, priskribitajn en la libro, tradukis el Esperanto bulgarlingven s-ano Hr. Manolov.

## KOMITATANOJ DE TEĴA

S o v e t - U n i o — N. F. Danovskij, Frunzenskaja nab. 118/120 A kv. 12, Moskva 131

D a n u j o — G. N. Jepsen, Skovvangen, 17, S i l k e b n r g. S-ano Jepsen, gvidas la fakon I n t e r ŝ a n ĝ s e r v o.

Ĉ e ĥ o s l o v a k i o — Joĵko Stanek, Osabni 45, Praha

R u m a n i o — Ştefan Freamât, str. Gabriel Peri 4, Bucureşti.

P o l l a n d o — Emil Mayer, Krakow, Florianska 4.



La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" sendas interŝanĝe la organon al ĉiuj Esperanto-redakcioj, petante ilin sendi interŝanĝe siajn gazetojn ktp al redakcio „Intern. Ĵ-sto".

## ESTRARO DE TEĴA

**Prezidanto** — **Olav Thormodsen**, Box 132, **Haugesund**, Norvegio.

**Vicprezidanto** — Niilo Kavenius, **Niklasengatu** 10/14, **Turku** 9 Finnlando.

**Sekretario-kasisto** — D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, **Cittadella** (Podova), Italio.

**Heldsekretario** — Maria Vogel, Kniebisstrasse 31, **Stuttgart**, Germanio.

**Redaktoro** — Ivan Keremidĉiev — Esperov. bulv. Hristo Botev 98, **Sofia** 2, Bulgario.

**Membroj** — André Ribot, 11, rue **Paul** Vergnes, **Marmande,** Francio; **Takaĉ** Żejko, Zagreb, Jugoslavio.

## LANDAJ REPREZENTANTOJ DE TEĴA

H u n g a r i o — **Marton Lajos**, Esperanto Burs-utca 2, Budapest XII i

V i e t n a m i o — Dào-anh-kha, Nô Quôctê-nou Bv Hb Viêt-nam. Hanoi (via USSR)

J z r a e l o — Oskar Berman, 6 Shilustrato, Tel-aviv

I t a l i o — Renato Pennazio, v. Vagnone 1, T r o f a r e l l o (To).

Ĉ i n i o — Shi Si wei, ĵurnalista fako, Pekina universitato, P e k i n g.

S u i s s e. Dr. H. Unger, „Die Reise", Unger-Verlag, Zürich 22.

S v e d i o. Karen Salmose, Stallgatan 1, Ysted.

### Estas serĉataj reprezentantoj de TEĴA por ĉiuj landoj

Agemaj membroj, dezirantaj esti reprezentantoj de TEĴA por sia lando, estas petataj tuj anonci siajn adresojn al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto". En landoj, kie estas ĝis 4 membroj de TEĴA ili povas interkonsliĝi kaj anonci sian reprezentanton al la redakcio.

Redaktoro: IV. KEREMIDĈIEV — ESPEROV, blv. „Hristo Botev" 98, tel. 3-34-04, Sofia 2, Bulgario

Ŝtata presejo „Narodna prosveta" — Sofia